2.ª Ep. AÑO VIII N.º 45 (181) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1970 EXTRAORDINARIO

Boletin

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 30.ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




Grupo de partoprenantoj en la 30.ª, post la solena inaŭguro

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.º
MADRID-8
Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | Pesetas |
|---|---|
| Suma anterior | 26.500 |
| Grupo Esperantista de Bilbao | 1.000 |
| Jaime Perarnau Rivera, de Tarrasa | 1.000 |
| Rafael Palacios, de Bilbao | 500 |
| Julio Juanes Sainz, de Bilbao | 500 |
| Mariano Izaola, de Bilbao | 500 |
| Eduardo Larrouy López, de Bilbao | 500 |
| Francisco García, de Bilbao | 500 |
| Total | 31.000 |

**Madrid, 28 de Julio de 1.970**

**MANUEL FIGUEROLA PALOMO**
**SECRETARIO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

## deziras korespondi...

POLLANDO. — pta Wrzaca, pow. Stupsk, woj. Koszalin, Ciechomice 38, S-ro Josef Roman Maksymiak, 20 jaraĝa deziras korespondi kun hispana esperantisto. Li deziras hispanajn geamikojn.

RUMANIO. — Covasna, Poŝtrestanta, S-ino Dr. Florentyna Renata Dudesczi, 28 jaraĝa, pentristino kaj filmaktorino deziras korespondi pri arto kun hispana esperantisto.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Praha 10, Volyĥska 10, S-ro J. Musil deziras korespondi kun hispana esperantisto.

Nia aktiva membro kaj elstara samideano Patro José M.ª Claramunt Sch. P., de Villanueva y Geltrú (Barcelona), translokiĝis al Calella de la Costa (Barcelona) kiel Rektoro de "Escuelas Pías" (Piaj Lernejoj).

Ni deziras al li grandan sukceson en lia nova posteno, kaj ni esperas ke baldaŭ funkcios Esperanto-grupo en Calella de la Costa.

La nova adreso de P. Claramunt estas: Escuelas Pías, CALELLA DE LA COSTA (Barcelona).

# NIA 30ᵃ KONGRESO EN MIERES DEL CAMINO (ASTURIAS)
## 18-23 julio 1970ᵃ

La turisma branĉo de nia Landa Federacio, organizis kun la konata vojaĝentrepreno Melià, opan veturadon el Zaragoza ĝis Mieres, kaj post la Kongreso, de tie ĝis Zaragoza.

Ni decidis kunveturi, kaj je nia alveno al Zaragoza ni renkontis kun ĝojo kutimajn kongresanojn kaj du nekutimajn: La edzinojn de niaj karaj, kleraj, aŭtentaj kaj jam mortintaj samideanoj Sroj D. Dalmau kaj S. Alberich. Mense mi revidis ilin, eĉ premis al ili la manon... sed fakte ni ne povis reaŭdi —neniam plu ni reaŭdos!— ilian majstran parolon. Admone mi demandas: Kiuj junuloj el nia komuna entrepreno promesas al ni (kaj al si mem) ke ili ne ĉesos studadi ĝis tia esperantisteco, ke ili povu kovri la gravegan perdon?

Matene je la 8a h. de la 16a de julio, ni ekveturis el Zaragoza; kaj jen Tudela... Calahorra... Logroño... Haro... kaj post longa tempoperdo pro trafika, mortiga akcidento de du kamionoj, jen Vitoria, kie ni tagmanĝis kaj spiris ekster la busa kaĝo dum nelonga tempo, ĉar je la 17a h. refoje sur la ŝoseo... Muriaño... Urbina... verdaj montoj... Lemona... Usansolo... kaj Bilbao, je la 19a h. Post unu horo kaj duono, ni kunestis en la grupa sidejo de la esperantistoj de Bilbao, kie ili surprizis nin per regalo kaj kora akcepto. Bonvenigis nin la Prezidanto, S-ro Julio J. Juanes per flua, amika paroladeto, kiun ni dankis per sincera aplaŭdado.

*17an de julio.* De la 10h. 30m. ĝis la 13a 30m. ni galopas sur la ŝoseo, kaj jen novaj homoj, kampoj, vilaĝoj... Las Carreras... Onton... Castro Urdiales... La Ventilla... Beranga... kaj Santander, kie ni restis ĝis la sekvanta tago.

*18an de julio.* Matene ni ekveturas por vojaĝo kiu daŭros kvin horojn. Ni preterveturis ĉ. 50 urbojn aŭ vilaĝojn. La urbon Oviedo ni atingis je la 14a h. kaj post 30m ni eniris la urbon Mieres del Camino, fina celo de nia longa veturado. Posttagmeze ni rice-



**Elkaĝigo de kolomboj antaŭ la preĝejo kie okazis la meso en Esperanto.**

vis la dokumentojn kaj vizitis kvar ekspoziciojn: Afiŝojn, poŝtkartojn, fotojn, poŝtmarkojn. Ili ne koncernis plene Esperanton, sed ampleksigis ĝian gravecon. Sekvis la kutima *konatiĝa vespero,* tiu kontentiga programero, kiu, en mia sperto, estis la unua sensuka kaj senmerita pro la eta nombro de ĉeestantoj kaj la subtraha efiko de funkcianta televidilo. Gapantoj antaŭ ekrano, vidas neniun kaj nenion bezonas diri eĉ al amikoj. Ĉar nia afero estas precipe parola, ankaŭ dum niaj komunaj manĝadoj en restoracioj, la televidiloj sufokas Esperanton.

*19an de julio.* Je la 10a h. okazis la meso en Esperanto. Celebris pastro A. Cortina, en bona lingvo. La nombra publiko havis okazon konstati, ke Esperanto estas praktika, tre simila al natura lingvo. Krom tio, pastro A. Cortina predikis reliefigante la utilecon, la simplecon (eble tro!) kaj humanecon de Esperanto. Varman gratulon al li pro lia klopodo, en tiel bona medio, venigi la homojn al nia afero.

Sekvis la oficiala kongresinaŭguro. Parolis la prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, S-ro Javier Núñez, kiu, ne estante mem esperantisto, klopodis kun la aliaj komitatanoj, efektivigi la Konrgeson. Li laŭde aludis la urbestron, Moŝton S-ro Guillermo Lorenzo, sen kies plena helpo ili ne sukcesus; kaj li dediĉis memorigajn vortojn al forpasinta S-ro Alfredo Villa, konata pioniro de Gijón. La sekretario, S-ro Manuel Figuerola Palomo, legis la ricevitajn telegramojn. Fraŭlino Inés Gastón, salutis en la nomo de la Turisma Fako kaj raportis pri ĝi S-ro Salvador Aragay, en la nomo de la Junulara, kaj S-ro Miguel Cazorla pri la blindula. En la nomo de la diversaj grupoj salutis la respektivaj delegitoj. Mencindaj estas la trafaj vortoj de S-ro J. Aragay el Barcelona, pri la plej grava temo: Esperanto en la Lernejoj; kaj rimarkinda, la saluto, en flua Esperanto, de S-ro Julio J. Juanes el Bilbao. Estis agrable aŭdi la saluton de alilandaj samideanoj flue parolantaj: S-ro Manuel de Freitas el Portugalujo kaj la juna S-ro Guy Matte el Kanado.

Per konciza paroladeto, nia Prezidanto, S-ro Angel Figuerola resumis la gravecon, la belecon de tiu Hispanuja regiono, nomata Asturias kaj dediĉis omaĝajn vortojn al forpasinta pioniro Alfredo Villa, kaj kuraĝigajn sentojn al S-ro Càndido Cienfuegos, kiu pro kormalsano devis rezigni sian postenon en la supro de la L.K.K. S-ro Javier Núñez, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato evidentigas la simpatian kunlaboradon de la urbestro, Moŝto Guillermo Lorenzo Suárez, kiu prenis sur sin la rolon de organizanto; kaj li citis la vortojn de Zamenhof, pri la signifo kaj celo de niaj Kongresoj. Sekvis varma, facila, sincera parolado de la urbestro: "Ni sentas nin ligitaj al vi. Asturias donas ĉion al la landa tuto, eĉ la homojn en la nigraj ŝaktoj de la karbo. Pri la virtoj de niaj ho-



**La Urbestro de Mieres malfermas la Kongreson.**



Nia portugala samideano, S-ro Freitas salutas la Kongreson

moj, vi mem povas juĝi. Ni celas la mondan pacon, por kiu vi tiel multe penadas!..." Longa aplaŭdado premiis liajn belajn vortojn.

Post kantado de nia Himno, ni iris al Parque de Atracciones, kie la Moŝta Magistrato de Mieres oferis al ni abundan regalon. Posttagmeze ni veturis al Oviedo por ĝenerala vizito, kaj reveturis je la 20a h.

*La 20an de julio.* Matene kunsidis la diversaj sekcioj kaj posttagmeze la grupdelegitoj. Je la 18a h. okazis en "Llagar de la Viña - Casavie", la popularа ESPICHA (legu Espiĉa), tipa festo de Asturias, per kiu la Moŝta Magistrato de Mieres pruvis unu plian fojon al ni sian ŝaton. La urbestro Moŝto Guillermo Lorenzo akompanis nin, kaj eĉ donis instrukciojn por la festo: "Oni trinkas cidron post la manĝo kaj por retrinki oni devas antaŭe remanĝi. La cidron, per mano alte levita oni verŝas kontraŭ la glasbordo, oni trinkas tuj, kaj ĵetas el la glaso la lastan iomon, kiel feĉon." Efektive, tiom da iomoj naskis sur la planko flueman flakon kreskantan laŭgrade kiel de sur la tablo foriĝis la "gravedaj bulkoj", la ovoj, la omeletoj, la fromaĝo... kiuj rebezonigis trinkon. Dume, en tipaj kostumoj, unu viro enblovas kaj blovadas por ke la sakfluto sonigu sian kontinuan fajfon, kaj unu virino kantu laŭ la kadenco de tiu senĉese varianta fajfo.

*La 21an de julio.* Matene okazis la Generala Kunsido de nia Federacio.

**Partoprenantoj en la Ĝenerala Kunsido de H. E. F.**




**Parto de la Prezidantaro dum la solena fermo de la Kongreso, la Prezidanto de H. E. F. dum sia danka paroladeto.**

Per ĝenerala aklamo Lia Moŝto la Urbestro, S-ro Guillermo Lorenzo estis nomita Honora Kongresano de nia 30a, kaj ankaŭ de nia 31a Kongreso okazonta la proksiman jaron en urbo Alicante, kie la hispana esperantistaro devos kolektiĝi por vigligi la movadon kaj praktikadi la lingvon de Zamenhof almenaŭ unu fojon en la jaro.

Posttagmeze ni aŭskultis la prelegon verkitan de S-ro Félix Díez Mateo, en hispana lingvo. Ĉar li ne povis persone ĉeesti la kongreson, nia sekretario S-ro M. Figuerola anstataŭis lin Per klara parolo kaj perfekta interpreto li ĝuigis al ni la meritan eseon de S-ro Félix Díez pri la temo: "Está el Castellano en peligro de muerte?" (Ĉu la hispana lingvo estas en mortdanĝero?) Ekzemploj, faktoj historiaj, citaĵoj el la araba kaj vaska lingvoj, la anglismoj nuntempaj... kaj dekoj da sciindaj detaloj, kiuj koncernas rektenerekte Esperanton konsistigas la tuton de la prelego de nia lingve prestiĝa samideano S-ro Félix Díez Mateo. Pro ĉio dirita, kaj precipe pro ĉio nedirita lia prelego meritas la paĝojn de Boletín.

Vespere la urba orkestro ludis por ni nian himnon "La Espero" kaj tri aliajn pecojn. Sekve la Ĥoro de Mieres kantis ankaŭ por ni ok belajn kanzonojn. Ravajn momentojn ni pasigis aŭskultante la perfekte agorditajn voĉojn kaj la tre akuratan ludadon. Al ambaŭ grupoj, kiujn ni varme aplaŭdis, mi postesprimas sincerajn gratulon kaj dankon.

*La 22an de julio.* Nia agado komenciĝis per la prelego, en Esperanto, de S-ro Angel Figuerola, prezidanto de nia Federacio. La temo estis: "Sincereco, objektiveco kaj vereco, fundamentaj normoj por la disvastigo de Esperanto". La preleganto, kiu funde konas la temon, avertis kontraŭ falsaĵoj, kontraŭ blufoj, kontraŭ ĉio nevera. Li citis ekzemplojn kaj asertis, ke ĉar Esperanto estas seriozaĵo, ĝi trudiĝos venke pro socia bezono, nepre, sed sur bazo de sincereco. Lia plurfaceta prelego meritigis al li aproban aplaŭdadon.

Pro ia miskompreno ne okazis la kutimaj ekzamenoj: sed anstataŭe, kolektiĝis ĉ. dudek samideanoj por perfektiga babilado, anekdotoj, spritaĵoj kaj lingvaj demandoj kun respondoj. Tio estis la okazo por ke novaj adeptoj neniam antaŭe aŭdintaj Esperanton kiel vivantan lingvon, nun povu ekzercigi la orelojn. Tian programeron oni ne forgesu en estontaj kongresoj.

Je la 19a h. finiĝis oficiale nia 30a Kongreso. Evidentiĝis la ŝato, la aprobo, la simpatio de la aŭtoritatuloj de Asturias por nia afero. Ili estas kun ni kaj dividas kun ni la noblan aspiron, kiel pruvas la letero de Lia Moŝto la Civila Provincestro de Asturias, S-ro José Manuel Mateo de Ros, la letero de Lia Moŝto la Rektoro de la Universitato de Oviedo, S-ro José Virgili Vi-

nadé, la parolado de Lia Moŝto la Urbestro de Mieres S-ro Guillermo Lorenzo Suárez, kaj la parolado vigla, longa, simpatia de Lia Moŝto la Provinca Delegito de la Ministrejo pri Informado kaj Turismo, S-ro Francisco Serrano Castillo.

Nia Prezidanto, S-ro Angel Figuerola, en la nomo de la kongresanaro dankis al ili la koran akcepton kaj fervoran helpon; kaj sub la signo de Oficiala Agnosko de Esperanto en Asturias, fermiĝis nia 30a Hispana Kongreso.

Je la 22a h. ni kolektiĝis por la Oficiala Bankedo, kiun oferis kune al ni la Moŝta Provinca Deputitaro de Asturias kaj la Moŝta Magistrato de Mieres. La granda salono de Casino de Mieres pleniĝis plene, ĉar al tiu programero mankas neniu kongresano. Abunda manĝo, pli abunda trinko, kaj gajeco. Lia Moŝto la Urbestro akompanis nin.

Inter tostoj kaj vivuoj, aŭdiĝis la vigliga voĉo de nia senlaca pioniro kaj veterano, S-ro Fernando de la Torre el Baena (Córdoba), kiu stampis ĉies mienojn per agrabla rideto. Estis jam malfruete, kaj ni devis disiĝi por ripozo, ĉar la postan tagon...

*La 23an de julio.* Ni ekskursis laŭ la Costa Verde, al Covadonga, Ribadesella, kaj la cidrofabriko "El Gaitero", apud Villaviciosa. Multaj el ni, kongresintoj de nia 16a en Gijón, havis okazon revidi la altajn verdajn montojn, la historie gravan Covadonga, kiun la naturo provizis per ĉarmo kaj beleco, la urbon Ribadesella... kaj la cidrofabrikon "El Gaitero", kie ĝiaj direktantoj re-regalis nin per cidro (simpla kaj ĉampana). Vere moderna, pura, granda fabriko. Multaj vizitantoj ne povis kaŝi sian miron antaŭ la sennombraj kolosaj tinoj, kie silente kaj kviete maturiĝas laŭlonge de la tempo la acideta pomvino, fame konata regionaĵo.

*La 24an de julio.* Adiaŭ, laborema Mieres! Adiaŭ, sed ni ne forgesos vian senkondiĉan akcepton, vian gastemon, vian amikecon!

La revendevo kondukis nin rekte al Leon, kie ni restis ĝis post la tagmanĝo. Ni vizitis la katedralon, monde konatan, kies konsisto mirigas tiel la nefakajn kiel la fakajn vizitantojn: Kolonoj starantaj ne tute vertikale por kompensi la dispuŝon de la volboj; vitraloj kaj vitraloj, koloroj kaj koloroj; la lumo tra ili prezentas magiajn ludojn. Nenie oni kovris tiom da spaco per tiel malmulte da materialo. La gvidisto rakontandis ne nur per simpla prozo sed ankaŭ per poezio pri meritoj, homoj, datoj, historieco... Kiu



Dum la Bankedo S-ro Cienfuegos salutas la kongresanojn.



Covadonga, majeste levias la belega baziliko

memoros ĉion? Verŝajne ne mi, sed certe jes, (kun ŝia pardono) la veterana María Herminia Casanovas, kiu multe scias pri la arto.

Kaj jen Burgos, la granda urbo, kie svarmis en freŝa aero, moderna popolo. Ankaŭ ĝia katedralo estas majstra verko de arĥitekturo. Grandioza, ŝtone fortika, kun malpli da vitro; ĝia gvidisto rakontadis pri multaj koncernaĵoj, kaj aldiris: "Tie-ĉi, gesinjoroj, ĉio, ĉiu detalo havas sian historion; kaj kiam ili ne havas ĝin, ni elpensas!". Brave, imagema ĉiĉerono!

*La 25an de julio.* Rekte al Soria, inter la pinaroj, kiuj provizas per siaj trunkoj la lignon de niaj mebloj kaj konstruaĵoj. En la parko staras la plej dikaj arboj, (ulmoj) kiujn mi iam vidis; miaj longe etenditaj brakoj nur kovris parton de trunko; tiel ke je ĉ. dumetra alteco oni fiksis plankon, sur kiu ludas muzikistoj. Vivu longe ankoraŭ, respektindaj, praavaj ulmoj! Ha, la buso atendas nur ĝis konsentita horo. Ni do rapidu por reveno al Zaragoza, de kie ni devos reveturi hejmen, je cent, ducent kilometroj. El la amaso da impresoj, ne forgesante la celon de nia vojaĝo al Mieres, ni elkribru skrupule tion, kion ni konsideras atentinda, efektiviginda. Kun tio kaj multe pli da iniciatoj, proponoj kaj projektoj ni ekpreparu jam nun nian vojaĝon al Alicante, kie fervoraj samideanoj tute fordonas sin al efektivigo de nia 31a Kongreso de Esperanto.



Parto de la Esperantistoj de Valencia kaj Cheste veturintaj al Mieres, dum ripoziga haltado en «Puerto de Pajares»



## RAVIGA AKCEPTO EN "LLAGAR DE LA VIÑA - CASAVIE"

En Asturias, patrujo de inspiritaj poetoj, prestiĝaj literaturistoj amantaj sian teron kaj morojn, nepre ni devis aŭskulti ĝiajn popularajn kantojn, kiuj tiel klare reflektas la animon de la popolo, kaj efektive, ni ilin ekaŭdis en impresa medio.

Kiam ni alvenis al "Llagar de la Viña - Casavie", la "orbayu", tiu pluvetado silenta, kiu vualas la pejzaĝon per nuanco melankolia, falis sur nin, kvazaŭ arĝenta kurteno, kiu bildigis popularan akcepton.

Antaŭ la enirejo de la konstruaĵo, paro da muzikistoj sonigis siajn "gajto" kaj tamburon por akompani la nekonfuzeblajn kaj harmoniajn asturajn kantojn, kantatajn de belega virina voĉo. La fame konata Diamantina —ĉampionino de astura kanto— staris inter ili kaj kantis por ni.

Malfacile estus por ni elekti inter la pluraj kanzonoj kiujn ŝi kantis, kaj la entuziasmo de la esperantistoj montriĝis per varmaj aplaŭdoj.

Koran dankon kaj gratulon al Diamantina kaj ŝiaj akompanantoj, kaj ankaŭ al la magistrato de Mieres, kiu regalis nin per tiel bela festo.

---

## FUNDACION "ESPERANTO"

### CONCURSO

De acuerdo con las reglas generales establecidas para el Concurso Literario convocado por la Fundación "ESPERANTO", con fecha 15 de diciembre de 1969 —día de Zamenhof—, y con el artículo 5.º de los Estatutos de la Fundación, el Patronato de la misma, nombró para formar el Jurado calificador, a los señores D. Salvador Gumá Clavell, de Reus (Tarragona); D. Juan Devís Calpe, de Valencia, y D. Fernando de Diego de la Rosa, de Zaragoza.

A la vista de los informes emitidos por dichos señores, el Patronato de la Fundación "ESPERANTO" en su reunión ordinaria del 20 de junio de 1970, acordó declarar desierto el Concurso, por no haber sido presentados al mismo, trabajos con el nivel lingüistico necesario para ser premiados.

Zaragoza, a veintitrés de junio de 1970.

Firmado: INES GASTON
Secretaria de la Fundación
"ESPERANTO" y del Concurso

# POEZIA OMAĜO AL MARIANO SOLA KAJ FRANCESC VILA

*S-RO LIBERTO PUIG LEGIS BELAJN POEZIOJN DE GABRIEL MORA i ARANA OMAĜE AL NIAJ FORPASINTAJ EMINENTAJ SAMIDEANOJ.*

## *Al S-no Mariano Solà*

Kiel esprimi eldoloran senton
pro la foresto via senrevena?
Ni fermas la okulojn, nur momenton:
kaj perceptiĝas via voĉ serena.

Ni aŭdas vin! Kaj ŝvebas elokventa
parolo majstra, kore riĉenhava,
reviviĝante kun brilec' arĝenta:
oratoreco via - klera, rava.

Ĝis nun ne velkis firmaj vort-ideoj
kiuj bildigas vin - la virtuozon.
Memoraĵ-retojn teksas araneoj
eventaj. Kaj ni plukas oran rozon.

Amiko nia: reeĥanta krio,
ho senmortec' kaj gloro transfluganta!
(ne kapablas postvivi modo vanta.)
Kaj vi ankoraŭ staras sur podio!

## *Al S-ano Francesc Vilà*

Poeto nia! Vi prikantas nun
mondon paceman kiun vi ne konis.
Vi rimas per nuancoj de la sun';
kaj laŭro de l' Parnaso jam vi kronis.

Poeto nia! Atingiĝis cel'
de via poezia idealo.
La viv' por vi ne estos plu anhel':
ĝi estas, supren, spektra akvofalo.

Poeto nia prikantanta jam,
el eternec', la virtojn plej superajn,
ĉar vi flagradas kiel inspirflam'
kaj verkas, jes!, poemojn nur eterajn.

Poeto nia! Staras en memor',
de ni fratece viaj, vi fidela
al am' kaj Esperanto kaj honor':
Ekzemplo de persisto kaj fervor',
pro tio ke fariĝis via kor',
konstante, verda radiiĝo stela.

Gabriel MORA i ARANA

# LA PROZO DE BECQUER

Okaze de la centa datreveno de la morto de la hispana poeto Gustavo Adolfo Bécquer, oni publikigis en pasinta numero de BOLETIN, poezion modele tradukitan de nia samideano Fernando de Diego. Nun mi prezentas pecon de ne tre konata, proza verketo de la poeto.

Temas pri legendo, kiun li tiel majstre regis; kaj al la fantazio de orienta legendo, Bécquer aldonas la sian propran kaj la poezio fluas tra la Poemo transportante la leganton en mondon, emocian, allogan, revigan...

La vortoj uzitaj en ĉi tiu legendo estas belsonaj, lirikaj, pasiaj, oni dirus ke ili estas la sonoj de dia liro, de antikva rapsodo kiu taŭgis kiel muzika fono al la agado de la protagonistoj, kaj jen kial, ĉi tie, ĉiu vorto havas specialan kaj propran sonon, kun eĥoj de miljaroj, venintaj de tiu malproksima lando kiun oni nomas Beleco. Kaj tiel la ĉapitroj fariĝas kantoj, kaj la kantoj parolas pri amoj kaj suferoj, gloroj kaj perfidoj, krimo kaj puno, ĉio, kio konsistigas la kompleksan mondon de la homa sento...

La admirinda prozo de Bécquer, mirakle transformas la eventojn en allogan temon, kiu tiras la atenton de la leganto, kiel ĉenon tiratan de galeoto, kaj la temo saltas al la kategorio de Poemo kaj tiel ni venas en mondon superan kaj senmortan: la Arto.

La prozo de nia Poeto, estas Arto tuŝita de Eterneco!!!

MARKUS

* * *

## LA MILITESTRO DE LA RUĜAJ MANOJ

Hinda tradicio

G. A. Bécquer

Unua kanto

I

Malaperis la suno post la pintoj de monto Jabwi, kaj la ombro de tiu monto envolvas en krepvualo la perlon de la urboj de Osiro, la ĝentilan Kattak, kiu dormas ĉe ĝiaj piedoj, inter arbaroj de cinamo kaj sikomoroj, simile al kolombo kiu ripozas sur flornesto.

II

La tago kiu mortas kaj la nokto naskiĝanta luktas momenton, dume, la dubeblua krepusknebulo etendas siajn diafanajn flugilojn super la valojn, ŝtelante en koloron kaj formojn al la objektoj, kiuj ŝajnas heziti agitate de blovo de ia spirito.

III

La neklaraj urbaj bruetoj kiuj vaporiĝas tremante; la melankoliaj noktaj suspiroj, kiuj plilongiĝas de eĥo al eĥo ripetate de la birdoj, la misteraj milbruoj kiujn kiel himnon al la Dieco levas la kreaĵo je naskiĝo kaj morto de la astro kiu ĝin vivigas, kuniĝas al lirlo de Jawkior, kies ondojn kisas la vespera venteto aŭdigante dolĉan kanton, svagan kaj perdiĝantan kiel la lastaj notoj de improvizata bajadero.

IV

La nokto venkas; la ĉielo kronas sin je steloj, kaj la turoj de Kattak por rivali kontraŭ ĝi kronas sin per diademo el torĉoj. Kiu estas tiu militestro kiu aperas ĉe la piedo de ĝiaj muroj, samtempe kiam la luno leviĝas inter leĝeraj nuboj trans la montoj, ĉe kies bazo kuras Ganges kvazaŭ grandega blua serpento kun arĝentaj skvamoj?

V

Li estas. Kiu alia militisto el la flugantaj kiel sago al la batalo kaj al la morto, post la standardo de Schiwen, glor-meteoro, povas ornami siajn harojn per la ruĝa birdovosto de la hindaj dioj, pendigi je sia kolo la oran testu-

don, aŭ pendigi sian ponardon de agata tenilo je la flava ŝalo de Kaŝemiro, ol Pullo-Dheli, raĵao de Dekka, batalfulmo kaj frato de Tippot-Dheli, reĝa moŝto de Osiro, sinjoro de sinjoroj, ombro de Dio, kaj filo de la lunaj astroj?

VI

Li estas. Neniu alia scias doni al siaj okuloj ĉu la melankolian brilon de la ektagiĝa stelo, ĉu la minacan brilon de tigra pupilo, komunikante al siaj lumaj trajtoj la brilegon de serena nokto aŭ la teruran aspekton de ŝtormo ĉe la aeraj pintoj de Dawalagiri. Li estas; sed, kion li atendas?

VII

Ĉu vi aŭdas la foliojn suspiri sub la malpeza plando de virgulino? Ĉu vi vidas flirti inter ombroj la ekstremojn de ŝia diafana ŝalo kaj la orlojn de ŝia blanka tuniko? Ĉu vi sentas la bonodoron kiu antaŭas ŝin kiel heroldo de feo? Atendu, kaj vi rigardados ŝin sub la unua radio de la soleca vojaĝantino de la nokto; atendu kaj vi ekkonos Siannah-an, la fianĉinon de l' multpova Tippot-Dheli, la amatinon de lia frato, la virgulinon kiun ŝiaj landaj poetoj komparas al rideto de Bermach, kiu prilumis la mondon kiam tiu ĉi eliris el liaj manoj: ĉiela rideto, unua aŭroro universa.

VIII

Pullo-Dheli ekaŭdas la brueton de ŝiaj paŝoj. Lia vizaĝo brilegas kiel montpinto kiu tuŝite de la unua sunradio renkontiras al ĝi. Lia koro, kiu ne batis en la batalfajro nek antaŭ tigro, batas nun fortege sub la mano kiu venas al ĝi, timante ke elbordiĝos la feliĉo kiun li ne plu kapablas enhavi. ¡¡Pullo!! ¡Siannah!, ili ekkrias vidante sin reciproke kaj unu falas sur brakojn de la alia. Dume Jawkior, surŝprucigante per siaj ondoj la zefirajn flugilojn, forfluas por morti, al Ganges, kaj Ganges al Bengala golfo, kaj la golfo al Oceano. Ĉio forfluas: kun la akvoj, la horoj; kun la horoj, la feliĉo; kun la feliĉo la vivo. Ĉio forkuras al fandiĝo en la kapo de Schiwen, kies cerbo estas la ĥaoso, kies okuloj estas la detruo, kaj kies esenco estas la nenio.

IX

Jam la ektagiĝa stelo anoncas la tagon. La luno malleviĝas kiel iluzio disiĝanta, kaj la sonĝoj, filoj de la mallumo, fuĝas kun ĝi en fantastaj grupoj. Ambaŭ geamantoj ankoraŭ restas sub la verda ventumilo de palmo, muta atestanto pri ilia amo kaj iliaj ĵuroj, kiam leviĝas obtuza bruo malantaŭ ili. Pullo-Dheli turnas la vizaĝon, elspiras akran kaj facilan krion kiel tiu de ŝakalo, kaj retroiras dek futojn per unu sola salto, briligante samtempe la klingon de sia akra ponardo damaska.

X

Kio metis timegon en la animon de la kuraĝa militestro? Ĉu eble tiuj du okuloj brilantaj en la mallumo estas tiuj de l' makulita tigro, aŭ tiuj de terura serpento ? Ne. Pullo-Dheli ne timas la reĝon de ĝangalo nek tiun de reptilioj: tiuj pupiloj elĵetantaj flamojn apartenas al homo, kaj tiu homo estas lia frato. Lia frato, al kiu li forrabadis lian unikan amon; lia frato, pro kiu li estis ekzilita el Osiro; tiu, kiu fine ĵuris lian mortigon se li revenus al Kattak, kaj metus la manon sur la altaron de lia Dio.

XI

Siannah vidas lin ankaŭ; la sango koaguliĝas en ŝiaj vejnoj kaj ŝi restas senmove, kvazaŭ la mano de l' morto estus preninta ŝin per la hararo. Ambaŭ rivaloj sin rigardas unu la alian dum momento, de piedoj ĝis kapo; ili luktas per rigardoj kaj eligante raŭkan kaj sovaĝan krion, sin ĵetas unu kontraŭ la alian kiel du leopardoj kiuj kverelas por kaptaĵo...

Ni etendu vualon super la krimojn de niaj antaŭuloj: ni etendu vualon super la funebrajn kaj hororajn scenojn kies kaŭzo estis la pasioj de tiuj, kiuj jam estas en la sino de la Granda Spirito.

### XII

La suno naskiĝas en Oriento; oni dirus vidante ĝin ke tiu lumgenio, venkinto de la ombroj, ebrie pro fiero kaj majesto, sin ĵetas triumfe sur sian ĉaron el diamantoj, lasante post si, kiel ŝipan spuron, la oran polvon kiun levas ĝiaj ĉevaloj sur la ĉiela pavimo. La akvoj, la arbaroj, la birdoj, la spaco, la mondoj havas unu solan voĉon, kaj tiu voĉo kantas la tagan himnon. Kiu ne sentas sian koron saltadi pro ĝojego laŭ la eĥoj de tiu solena kantiko?

### XIII

Nur unu morteculo; vidu lin tie. Liaj elkaviĝintaj okuloj estas fiksitaj kaj stulte rigardas la sangon kiu makulas liajn manojn. Vane, elirante el sia senmoveco kaj ĝenate timinda ekzaltiĝo, li kuras al la riverbordoj de Jawkior por lavi ilin: sub la kristalecaj ondoj, la makuloj malaperas, sed apenaŭ li fortiras la manojn, la fumanta kaj ruĝa sango retinkturas ilin. Kaj ree li iras al la ondoj, kaj ree aperas la makulo, ĝis fine per sono terure malespera: ¡Siannah! ¡Siannah! La ĉiela malbeno falis sur niajn kapojn!

Ĉu vi konas tiun malfeliĉulon, ĉe kies piedoj estas kadavro, kaj kies genuojn ĉirkaŭbrakas virino? Li estas Pullo-Dheli, reĝo de Osiro, sinjora moŝto de sinjoroj, ombro de Dio, kaj filo de la lumaj astroj, pro morto de sia frato kaj antaŭulo.

TRADUKIS: MARKUS

---

## GRATULON KAJ KORAN DANKON AL POLA RADIO

La 20-an de aŭgusto ĉijara, je la 6,30 matene, Pola Radio disaŭdigis la 5.000-an elsendon en la internacia lingvo.

Pli ol dek jaroj pasis de kiam unuafoje, hazarde, mi kaptis la frazon "Parolas Varsovio - naskiĝurbo de Esperanto", granda estis tiam mia emocio; ni intencis partopreni la Universalan Kongreson okazontan en Varsovio, kaj kompreneble, ĉio rilatanta al tiu malproksima lando interesis —kaj interesas— al ni.

Post nia partopreno en tiu neforgesebla Kongreso, pli kaj pli kreskis nia intereso pri ĝi, tial, por mi estis preskaŭ devo, je la 4,30 posttagmeze, aŭskulti la voĉon kiu informis nin pri la plej diversaj temoj.

Nun, kiam plenumiĝis la 5.000-a elsendo en Esperanto de Pola Radio, mi deziras gratuli al la Esperanto-Redakcio, kiu tago post tago subtenas la intereson de la aŭskultantoj, kaj kore danki al Pola Radio, kiu faciligas tiun laboron.

Ni ankaŭ devas danki al Pola Radio ke per ĝiaj ondoj, Esperanto ne nur sonas en la internacia lingvo; de preskaŭ du jaroj ĝi sonas en alilingvaj elsendoj, en la germana, sveda kaj dana, Pola Radio informas pri la Esperanto-movado.

Lige kun la 5.000-a elsendo Pola Radio aranĝis malgrandan enketon inter la esperantistaj aŭskultantoj; ankoraŭ estas tempo por ke vi respondu la tri jenajn demandojn:

1.— Kion donas al vi la Esperanto-elsendoj de la Pola Radio?

2.— Kian signifon por vi persone kaj por la Esperanto-Movado havas la Esperanto-elsendoj de la Pola Radio?

3.— Ĉu dank' al la Esperanto-elsendoj kreskis via scio pri la naskiĝlando de Esperanto - Pollando?

Pola Radio kolektadas respondojn ĝis la fino de 1970-a jaro kaj anoncadas ilin iom-post-iom en "Leterkestoj", jam de la 20-a de aŭgusto.

Respondu laŭplaĉe, per kelkaj frazoj aŭ per longa letero, unu aŭ ĉiujn tri demandojn, tiamaniere vi elmontros vian dankon kaj simpation al la sola Radio en la mondo, kiu disaŭdigas ĉiutagan radioprogramon en la servo de la esperantistaro.

# EL PRESIDENTE DE LA REPUBLICA AUSTRIACA ABRIO EL 55 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO



**«La Infana Kongreseto» presenta su homenaje a S. E. el Presidente de la República, quien contesta amablemente a los saludos infantiles.**

El 55 Congreso Universal de Esperanto celebrado en Viena (Austria), sin duda pasará a la historia del Movimiento esperantista con especial relieve, por ser la primera vez, que un Jefe de Estado abre uno de nuestros Congresos.

Fue bastante numeroso el grupo de españoles que acudimos a Viena para participar en el Congreso; aparte del grupo organizado por la Sección de Turismo de la Federación, e integrado por esperantistas de Tenerife, Cataluña, Valencia, Bilbao y Zaragoza, acudieron esperantistas de Madrid, Sevilla, Cataluña y Bilbao. Nosotros hicimos el viaje en avión desde Barcelona a Viena, haciendo escala de dos días en Milán.

En Barcelona nos reunimos el día 30 de julio por la mañana, en el Departamento de Esperanto del Club de Amigos de la Unesco, donde acudieron para recibirnos y a la vez despedirnos, los Sres. Vilagrán, Sra. Vda. de Dalmau, Sr. Cos, Sr. Aragay...

Después de dos horas de vuelo llegamos a Milán, donde nos detuvimos dos días para admirar las magníficas obras de arte de tan hermosa ciudad italiana, llegando a Viena el día 1 de agosto por la tarde.

La "Interkona Vespero" (sin duda el acto más simpático de los Congresos), tuvo lugar en Sofiensale, donde estaba instalada la sede del Congreso; allí nos encontramos con antiguos amigos que recordaban su estancia entre nosotros con motivo del 53 Congreso Universal celebrado en Madrid, y nos pusimos en contacto con el resto de españoles que habían acudido por otros medios que nosotros. En el aeropuerto de Milán, al emprender la última etapa de vuelo ya nos encontramos con el Presidente de la Federación, D. Angel Figuerola y su esposa que acudian desde Madrid, y con esperantistas de otras nacionalidades que también se dirigian a la capital austriaca para asistir al Congreso.

La solemne apertura se celebró la mañana del domingo día 2, en el gran salón de Stadthalle, revistiendo gran brillantez. La entrada en el salón del Presidente de la República, Dr. Franz



vez más, por España, el Dr. Sancho-Izquierdo saluda al Congreso.

Jonas, a quien los niños de la "Infana Kongreseto" obsequiaron con un ramo de flores, fue acogida con una prolongada salva de aplausos, que se repitió al final del magnífico discurso en Esperanto, con que el Dr. Franz Jonas, abrió el Congreso.

La sesión empezó con el saludo de bienvenida del Presidente del Comité Local a los invitados de honor.

El Dr. Ivo Lapenna en nombre de U.E.A. y de todo el Congreso, dio la bienvenida a S. E. el Presidente de la República y saludó cordialmente a los representantes de los diversos Estados.

En representación del Alcalde dio la bienvenida el Sr. Hubert Pfoch, y seguidamente el Dr. Franz Jonas abrió el Congreso.

El Presidente de U.E.A. agradeció al Dr. Franz Jonas sus inspiradas palabras, destacando el hecho de ser la primera vez en la historia del Movimiento esperantista en que un Jefe de Estado abría uno de sus Congresos.

Tras despedir al Dr. Franz Jonas, quien abandonó el salón entre los aplausos de los asistentes, siguieron los saludos de los distintos gobiernos, así como de las asociaciones esperantistas de los diversos países allí representados.

Finalmente, el Dr. Lapenna pronunció un magnífico discurso —verdadera lección no solo en cuanto al contenido, sino de buen decir—, acerca del mundo moderno y el problema lingüístico, y la necesidad de divulgar la lengua internacional para métodos científicos. Grandes aplausos premiaron la disertación del Dr. Lapenna, así como también fueron muy aplaudidas todas las intervenciones habidas anteriormente.

Este año es de destacar que han sido varios los representantes de gobiernos que transmitiron su saludo en Esperanto.

"La Espero" puso punto final al acto de solemne apertura del Congreso.

Por la tarde, se inauguró la Universidad Internacional de Verano -I.S.U.- bajo la presidencia del Dr. Eugen Wüster, Catedrático de la Universidad.

También se celebraron esa tarde los oficios religiosos; los católicos tuvimos misa concelebrada por once sacerdotes —entre ellos dos españoles— de ocho países distintos en Esperanto, con sermón en el mismo idioma.

El día terminó con la "Austra Vespero", la primera parte concierto de música clásica, y la segunda canciones y bailes folklóricos. Todas las intervenciones fueron muy aplaudidas.

Como de costumbre, a lo largo de la semana congresal, fueron celebrándose las dos reuniones generales de U.E.A., aparte de las del Comité de la Asociación, y reuniones particulares de las diversas organizaciones internacionales especializadas.

Sumamente interesantes fueron las conferencias organizadas en el cuadro de la Universidad Internacional de Verano, así como los Concursos Literario y de Oratoria, en éstos los premios los alcanzaron en "poesía original" el 3.º Nicolino Rossi, de Italia, y el "accesit" Zora Heide, de Dinamarca; los premios 1.º y 2.º quedaron desiertos; en "poesía traducida" los premios 1.º y 3.º a) fueron para Gaudenzio Pisoni, de Italia, y el 3.º b) para Masayuki Kuroda, de Japón, el 2.º quedó desierto; "prosa original" 1.º y 2.º premios quedaron desiertos, el 3.º fue para Andreo Szabo, de Hungría; "drama original" los premios quedaron desiertos, el "accesit" fue para Edurad V. Tvarozek, de Checoslovequia; "nuevo talento" Adan Hrynkiewicz, de Argentina. En el Concurso de Oratoria los premios los recibieron por el siguiente orden: 1.º Ducan Charters, de U.S.A.; 2.º Jo Haaezn, de Bélgica, y 3.º Ina Aberg, de Suecia.

El baile, muy animado, se celebró en dos grandes salones de Sofiensäle, como de costumbre tuvo lugar a continuación del banquete oficial; la "Internacia Arta Vespero" en general, fue de bastante alto nivel.

La recepción en el Ayuntamiento revistió carácteres extraordinarios, el Alcalde dio la bienvenida haciendo destacar el papel de Viena como ciudad de congreso, al saludo del Alcalde contestó el Dr. Lapenna, dando las gracias en nombre de U.E.A. y de todos los asistentes, que en realidad éramos todos los participantes en el Congreso. Los salones, la música, el bufet..., todo fue magnífico.

Este año, aparte de las excursiones de todo el día, durante la semana se organizaron excursiones de medio día a los bosques de Viena y al Kreuzenstein, y naturalmente todos los días hubo visita a la ciudad.

Un Congreso más celebrado con el éxito que todos ellos alcanzan y que nos hizo despedirnos con el deseo de asistir al que se celebrará el próximo año en Londres.

Los españoles solo tuvimos que lamentar el que la Vicesecretaria del Grupo esperantista de Bilbao, señorita María José Burgos, que había ido a Viena con un grupo de jóvenes bilbaínos, se sintió súbitamente enferma el domingo día 2, debiendo hospitalizarla a media noche. El adecuado tratamiento a que fue sometida por el Dr. Orhmar Kronberger que la asistía en la clínica de Viena, unido a la juventud y fortaleza de María José, hizo que si bien tuvo que pasar toda la semana hospitalizada, el día 9 de agosto, pudiera regresar a España con nosotros en vuelo directo Viena-Barcelona.

Desde las páginas de BOLETIN, quiero dar públicamente las gracias al matrimonio W. y M. Klünder de Alemania, que en el primer momento se pusieron a la disposición con su coche para trasladar a la enferma a la clínica, y a la Embajada Española que facilitó todo para que pudiéramos tener noticias constantes de la enferma.

## PREMIO «NOVA TALENTO»

Nuestra cordial felicitación al señor Adan Hrynkiewicvz, de quien los esperantistas españoles conocen algún trabajo publicado en BOLETIN, firmado con el pseudónimo "Diego Selso". En el próximo número aparecerá una de sus "bonhumoroj" firmada por "Ergoto de Bonaero".



*«Por primera vez, el Salón de Sesiones del Ayuntamiento de Jaca, se ha utilizado, como marco para una conferencia. Honor que ha sido concedido a don Miguel Sancho Izquierdo, para desarrollar una conferencia sobre uno de los temas que más le apasionan. El Esperanto».*

Per la antaŭaj vortoj komenciĝas la raporto sendita el Jaca al taĝĵurnalo de Zaragoza.

En la bela, granda salono de la Urbodomo kaj prezidate de la lokaj aŭtoritatuloj, la 27-an de aŭgusto prelegis en Jaca, pri Esperanto, Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo.

Rapide, sinteze, sed tamen klare kaj reale, Dro. Sancho Izquierdo skizis la biografian portreton de Dro. Zamenhof, por tuj eniri en la kernon de la prelego: la analizado de kio estas kaj kio ne estas Esperanto.

Esperanto —li diris— estas nun, de ĉiuj respektata. Tamen, ankoraŭ ne estas bone konataj ĝia tuta efiko kaj la frata kaj ekumena idealo, kiun ĝi kunportas.

Dro. Sancho Izquierdo prezentis la internacian lingvon kiel la plej oportunan komunikilon por simpligi la rilatojn inter personoj de malsamaj lingvoj; kiel literaturan lingvon, taŭgan por la kreado kaj tradukado de ĉiaj verkoj same prozaj, kiel versaj; kaj fine, kiel fortan vokon al la interkompreniĝo kaj amo inter la homoj.

Li montris kiel Esperanto estas vivanta lingvo, fleksebla, kapabla por esprimi ĉies pens-kaj ideonuancoj, neŭtrala, facile lernebla kaj same prononcata de ĉiuj. Por pruvi siajn asertojn Dro. Sancho Izquierdo montris al la ĉeestantoj diversajn lernolibrojn kaj vortarojn, revuojn, la jarlibron de U.E.A., k.t.p., kaj aŭdigis al ili gramofondiskon kun salutparoladoj dum la 49.a U.K. en Hago; pri Literaturo, krom diversaj verkoj originalaj kaj tradukitaj, li montris al la publiko katalogon en kiu estas envicigitaj de la ILIADA kaj grekaj tragedioj ĝis la verkoj de plej modernaj poetoj kaj dramaturgoj, kaj legis strofon de unu el la "Rimas" de Bécquer tradukitan de Fernando de Diego.

Fine la prelegintо parolis pri la interna ideo de Esperanto, tiu sento de frata amo, kiu instigis Dron. Zamenhof al la kreado de la internacia lingvo, kaj kie la esperantistoj trovas la forton kaj energion bezonatajn por plulaboradi ĝis ili atingos la celon.

La disaŭdigo de la poemo de Dro. Zamenhof, "Ho mia kor'" kun muziko de nekonata aŭtoro, estis la fina punkto de la prelego.

Entuziasma aplaŭdado premiis la disertación de Dro. Sancho Izquierdo, kaj la lokaj aŭtoritatuloj, kiuj prezidis, kore dankis al Dro. Sancho Izquierdo la interesan kaj belan lecionon.

* * *

Sekve de tiu ĉi prelego, la 31-an de aŭgusto, oni komencis kurson de Esperanto en la Instituto "Domingo Miral" de Jaca. Gvidas la kurson Dro. Sancho Izquierdo, kiun ni kore gratulas kaj dankas pro lia senlaca laborado.

# VOJAĜO AL I. F. E. F. KONGRESO EN RIMINI



Esperantista dekunuo kiu ludis la futbalmatĉon en la Kongreso de Rimini. En ĝi partoprenis ses hispanaj junuloj.

La 15-an de majo ĉirkaŭ la oka matene, en la halo de la barcelona stacio-Término, jam estis videblaj multnombraj personoj kiuj alportante sur siaj vestaĵoj kaj valizoj nian verdan stelon, pretigadis siajn biletojn por forvojaĝi al ĉi jara kongresurbo Rimini (Italujo). Jam sur la fervoja kajo, la barcelonaj esperantistaj fervojistoj renkontis sin kun la madridana grupo kiu ĵus alvenis per "Costa Brava-Exprés". Fortajn kaj varmajn ĉirkaŭbrakojn kaj manpremojn interŝanĝis la konataj kaj nekonataj samideanoj; la grupo plimultiĝis, ankaŭ la bona humoro kaj gajeco; la frateco kiu fontadis el la kunmetita grupo estis mirinda, pro tio, la tieaj ĉeestantoj —vojaĝantoj kaj nevojaĝantoj— miris rigardante la miraklojn kiujn faras la esperantisteco.

La elektra vagonaro ekveturis, ĉi-tiu-foje, akurate (8,45 matene) alportante en siaj kupeoj kvardek gajajn partoprenontajn gekongresanojn, kiuj estis adiaŭataj de gefamilianoj kaj amikoj. Agrabla printempa vetero akompanis nin dum la vojaĝado; baldaŭ la gejunuloj per viglaj kantoj amuzadis la vojaĝantaron. Tiamaniere rapide ni alvenis al la franca limo kie ni devis lasi la hispanan trajnon por veturi plu tra Francujo, sed unue ni devis montri al la doganistoj de la najbara lando niajn pasportojn kaj valizojn. Kompreneble neniu estis malliberigita pro tio ĉar ĉiuj kaj ĉio estis en ordo en nia grupo.

Ni envagoniĝis denove ĝis la itala limo. Survoje ni rigardis tra la fenestroj de nia kupeo la belegajn pejzaĝojn de la suda parto de Francujo ĝis la urbo Marseille; poste estis antaŭ niaj okuloj la belegaj vidindaĵoj de la "Blua Marbordo" kaj la malgranda sendependa lando Monako.

Tuj post la itala limo estis videblaj multenombraj flor-ĝardenoj kiuj belege ornamas la famkonatan "Riviera Itala".

La 16-an de majo je la 12,15 matene ni alvenis al Rimini. Tie sur la perono oni vidadis la verdajn Esperanto-flagojn kaj multajn gesamideanojn kiuj bonvenigis nin kaj multajn aliajn gesamideanojn kiuj envagoniĝis survoje post Marseille. En la akceptejo situanta en la stacidomo, ni ricevis la

unuajn informojn kaj kune karton por veturi senpage per la urbaj aŭtobusoj, tio estis ĝentileco de la magistrato de Rimini. Do, per aŭtobuso ni direktiĝis al la kongres-akceptejo situanta sep kilometrojn for de la stacio en la bela marbordo nomata MAREBELLO. Tie ni ricevis la kongresdokumentaron; tie distribuiĝis la alvenantoj en diversajn hotelojn situantajn apud la maro. Dum la tuta tago ni renkontiĝis kun multaj aliaj esperantistoj devenantaj de ĉiuj flankoj de Eŭropo por partopreni la kongreson.

Dimanĉon la 17-an, okazis la solena malfermo de nia 22.ª I.F.E.F.-kongreso en la palaco "Arengo". La granda salono bele ornamita estis plenplena je pli ol 700 partoprenantoj kiuj kun intereso aŭskultis la oficialajn parolantojn; inter la parolantoj estis reprezentantoj de la urbestraro, fervojoj-direkcio kaj diversaj kulturaj organizaĵoj. Krom la I.F.E.F.-estraro kaj loka kongresa komitato, salutis la kongreson reprezentantoj de la 19 landoj apartenantaj al I.F.E.F.

Krom la diversaj laborkunsidoj, fak-kunsidoj kaj aliaj oficialaj aranĝoj, oni organizis tri amuzajn ekskursojn, du teatrajn prezentadojn, du balojn ĝis la noktomezo, urbestraran akcepton por la reprezentantoj de la diversaj landoj kaj futbalmatĉon inter la junularo kongresa.

Post la fino de la kongreso, preskaŭ ĉiuj hispanaj kongresanoj kune kun aliaj samideanoj el aliaj landoj, veturis al Romo por viziti dum tri tagoj la Eternan Urbon. Kaŭze de fervoja striko, la trajno atingis Romon je la dua horo matene, t.e. pli ol kvar horojn malfrue, tamen la romaj organizantoj de la postkongreso atendis nin kun du aŭtobusoj por veturigi nin al la hotelo. Malgraŭ ke ni enlitiĝis je la tria horo nokte, je la naŭa horo matene ni jam estis denove sidantaj en la aŭtobusoj por rondveturi la urbon kaj rigardi la multe nombrajn vidindaĵojn kiujn Romo havas. Vespere post la tagmanĝado ni daŭrigis la viziton de la urbo ĝis la vespermanĝo kaj fininte ĝin ni nokte rondveturis Romon aŭtobuse rigardante la lumigitajn monumentojn kaj fontanojn, ĝis noktomezo. La sekvantan tagon matene, ni vizitis la imponan bazilikon "Sankta Petro" kaj la palacon "Vatikano"; vespere ni vizitis la Katakombojn kaj la modernajn kvartalojn de Romo.

Per komuna vespermanĝado finiĝis oficiale la postkongreso kiun tiel bone organizis la Esperanto-grupo de Romo.

La adiaŭo inter la kongresanoj estis kiel ĉiam: ĜIS REVIDO VENONTJARE EN MARIBOR DUM LA 23-a I.F.E.F.-KONGRESO!

RAFAEL DEVIS



Hispana Esperantista grupo kiu partoprenis la I.F.E.F.-kongreson en Rimini.

## ✱ *Ni legis por vi...*

### EPOKFARA VORTARO: LA PLENA ILUSTRITA

La dum tiel longaj jaroj sopirata Plena Ilustrita Vortaro estas jam feliĉa fakto. La atendo ne montriĝis vana. Per tia monumenta verko, Esperanto ricevos ankoraŭ pli firman bazon lingvan, ebligos al si la konkeron de novaj, superaj celoj, fariĝos potenca motoro nov-energie efikanta en ĉiuj sektoroj de la homa agado.

De kiam aperis la Plena Vortaro en 1934 (ĝiaj postaj eldonoj estas nuraj represaĵoj) la mondo tiel evoluis, la scienco kaj la tekniko tiel proliferis, ke intertempe enkondukiĝis en la naciajn vortarojn miloj da novaj terminoj por objektoj, ideoj kaj procedoj en senĉesa apero; dume la "Plena", antaŭa al la televido, al la antibiotikoj, al la cibernetiko, al la dissplitigo de la atomo, al la ekzistencialismo, al la vojaĝoj, al la luno... apenaŭ donis ideon pri nia aktuala mondo, eĉ kun la helpo de la suplemento aperinta en 1954.

Fariĝis do ĉiufoje pli urĝa la lanĉo de leksikono, kiu, per la registro de la konstante akumuliĝinta vortotrezoro, spegulus la staton kaj la aspekton de nia epoko. Kaj en granda mezuro la Plena Ilustrita sukcesas ĉi-rilate, se konsideri, ke ĝiaj dimensioj devis nepre teniĝi en certaj limoj. PIV plene ĝisdatigas Esperanton, kaj tio per si mem konsistigas jam gravegan antaŭenpaŝon.

Sed la granda merito de PIV kuŝas en la ĝisfunda esploro kaj trakto de la bazaj radikoj de nia lingvo. Ne temas pri skemaj difinoj kun plenmano da ekzemploj, kiel ofte en la malnova Plena, sed pri kompleta studo leksikologia de la semantika valoro de ĉiu vorto kaj de ties nuancoj en diversaj kuntekstoj. Kion la Plena tuŝis nur supraĵe, PIV elsondas kaj dissekcas. Mi citu nur, kiel ekzemplojn, la artikolojn *angulo, bloko, dek, dento, genuo, tipo, stacio, ŝafo*... La nura komparo kun la respektivaj artikoloj de la Plena estas konvinka kaj elokventa; la listo, cetere povus longiĝi kaj ampleksi la tutan libron.

La abundaj citaĵoj, kiuj ilustras la artikolojn, rivelas al ni plene kaj por la unua fojo la neelĉerpeblan riĉon frazeologian de Esperanto. Kia svarmo da vivoplenaj parolturnoj! Kia mino da trafaj, sukaj esprimoj! Precipe la verkaron de Zamenhof oni analizis kun tiel skrupula zorgo kaj precizo, ke la eroj de lia "Proverbaro Esperanta", kiun kelkaj opinias lia plej elstara verko, aperas almenaŭ dufoje ripetitaj laŭlonge de la vortarego.

Plifortigante la fundamentan, komunuzan leksikonon kaj samtempe akceptante la vortojn, kiujn postulas la evoluo de la tempoj, la Plena Ilustrita montras sin obea al la sanaj leĝoj de la leksikografio kaj de la lingvistiko.

Tamen oni povas jam antaŭvidi, ke en kelkaj rondoj leviĝos kontraŭaj voĉoj, eĉ furioze protestaj; denove aŭdiĝos la jam tedaj akuzoj pri Ido-igo de la lingvo, pri konscia elimino de ĝia simpleco, pri progresiva malmuntado de ĝia aglutina karaktero... Tiaj senkompromisaj tradiciistoj memoru, ke Esperanto estas vivanta lingvo, kaj, ke, kiel ĉiuj vivantaj lingvoj, ankaŭ ĝi, sen perdi sian karakterizan fizionomion, devas sperti la samajn fenomenojn kaj reagi en simila maniero, interne de la limoj de sia propra strukturo.

Kiam lingvo ĉesas esti valida komunikilo, ĉar ĝi ne plu tenas la paŝon kun la progreso de la tempoj, tiam tiu lingvo ŝtoniĝas, perdas sian ekzistopravon, kaj ĝin englutas alia pli ekspansia kaj renoviĝanta idiomo. Tia povus esti la sorto de Esperanto, se pro tro simplaj kaj naivaj konsideroj, ĝi arkaikiĝus kaj prezentus al la mondo nur elementaĵojn alkroĉitajn al nostalgia paseismo.

Eble en la Plena Ilustrita sidas vortoj superfluaj; eble kelkaj ĝiaj esprimoj, difinoj kaj kunmetoj ŝajnas veni el la lando de la fantazio; eble en ĝia fekunda humo kuŝas ie-tie tavoloj de pintaj rokoj. Sed tio *tute* ne gravas. La delikata instinkto lingva de la popoloj —kaj ni, esperantistoj, formas *vivan* popolon— spontane repuŝas la vere misajn formojn, kiuj sekve velkadas en la paĝoj de la vortaroj, kiel senpovaj monstretoj forgesitaj de ĉiuj. Ĉu ne okazas tiel en la naciaj enciklopedioj?

Kio gravas en la Plena Ilustrita estas ĝia netaksebla kontribuo al la rejunigo de Esperanto, ĝia nesuperebla trakto de la fundamenta leksikono kaj de la frazeologio, ĝiaj pozitivaj tendencoj sekvendaj por futuraj leksikografiaj laboroj.

Ĉiuj fakoj estas bone reprezentataj en PIV, ĉefe la medicino kaj ties rilataj sciencoj. Ŝajnas, tamen, ke la sportoj ne ludas tre brilan rolon. Sub tiu rubriko enviciĝas pluraj salon —kaj hazard— ludoj, sed la veraj sportoj estas traktataj iom supraĵe, kaj, se paroli pri la multegaj fervoruloj de la futbalo, ili trovos nur elementan terminologion de sia preferata sporto. Kie, ho, kie sidas la ekvivalentoj de "marcar a un contrario" aŭ "pitar un fuera de juego"?

La bilda parto estas plej malforta. Ĝi donas la impreson, ke oni ĝin enmetis sen granda entuziasmo, nur por pravigi antaŭ la publiko la ilustritecon de la libro. En la plato XXIV, paĝo 1.277, aperas interalie la bildoj de balisto, kanono kaj katapulto, sed mankas la nomoj eĉ de iliaj ĉefaj pecoj. La plato XXII, paĝo 1.273, neniam figuros kiel arta modelo, kaj same aliaj platoj ŝajnas desegnitaj de ne tro sperta mano.

En verko de tia kalibro neeviteblas la enŝoviĝo de preteratentoj kaj eraroj. Sed ili vidiĝas apenaŭ kiel makuletoj facile forigeblaj.

Kelkaj difinoj de kunmetoj ŝajne ne respondas al la senco derivita de la kombino de la partoj. Por ekzemplo:

*Reprilabori:* uzi la defalaĵojn de la unua prilaborado.

*Forkomerci:* provi vendi ne tre valorajn objektojn.

Kelkaj difinoj ŝajnas iomete tro pedantaj aŭ ne plenaj:

*Besto:* vivanta estaĵo sen klorofilo, kies ĉelparietoj ne konsistas el celulozo, kaj kiu estas plej ofte kapabla senti kaj sin movi, sed ne posedas homan racion.

*Drogi:* kuraci per drogoj. (Tio estas la franca, klasika signifo, sed ne la ĝenerala kaj moderna. Hipioj drogas sin ne por kuracado, ĉu ne? Interparenteze: malgraŭ sia moderneco, PIV ne povis preni en sin la terminojn *hipio* kaj *minijupo.*)

En *kankano* legiĝas: "franca, iama ekscentra danco". *Ekscentra* direktas nin, per la vinjeto de nigra maneto, al *discentra,* kaj ni eklernas kun miro, ke la kankano estas danco tia, ke ĝia centro ne troviĝas sur unu sama linio, kiel la centroj de aliaj pecoj. Evidentas, ke sub la rubriko *ekscentra* mankas la senco *ekstravaganca, bizara.*

Kelkaj nekonsekvencoj ŝteliĝis en la vortaron. Ĝi metas en la arkivon de la arkaismoj la duan sencon de *ĉagreni:* aflikti. Tamen ĝi uzas tiun arkaismon por helpi sin en la difino de *bedaŭri:* "ĉagrene sentadi la perdon de iu aŭ de io; sentadi ĉagrenon por io, kion oni faris aŭ ne faris". La sama arkaismo uziĝas en la difino de *kondolenci:* esprimi al iu sian simpatian ĉagrenon. PIV graslitere admonas nin ne uzi *fiksi* en la senco *difini* aŭ *precizigi.* Sed kial la admono? Fiksi, en tiu senco, estas idiotismo komuna al almenaŭ la hispana, franca kaj angla, do sufiĉe internacia, kaj krome troveblas ĉe Zamenhof.

La difino de *profano* diras: "tiu, kiu ne estas inicita en sanktaĵojn, misterojn ks." Tamen en *laiko* la sama nigra maneto sendas nin al la referenco *profanulo.*

En PIV ne aperas la unua senco de *embaraso,* kiu troviĝas en la malnova Plena: "ĝeni la movojn, la agadojn per materiaj malhelpoj". Tamen PIV difinas *forvendi* tiel: sin malembarasi je io per vendo.

Kelkaj novaj terminoj ŝajnas tro similaj al aliaj vortoj: *vestiĝ'o* (vestiĝo), *devot'a* (dev-ota). Mi kuraĝus proponi la formon "vestiĝio".

*Korindono,* menciata en *gemo,* ne troviĝas sub aparta rubriko; same okazas al *sikativo,* menciata en *seka,* al *slugio* kaj *barzojo,* menciataj en *leporo,* kaj al *fidata,* menciata en *fikcio.* Bildo de *lepado* vidiĝas en la plato XIII, 36, sed ankaŭ al ĝi mankas aparta artikolo.

Kial PIV donas lokon al *natalitato* kaj ne al *mortalitato?*

*Domini,* kiu sidas en la suplemento de la Plena, ne vidiĝas en PIV. De *sprono* malaperis la senco *estribación* (hispane), *contrefort* (france). Kial? Ankaŭ la vorto *muĵiko,* grava almenaŭ historie, mankas en PIV.

Kelkaj vortoj de hispana deveno ricevis ne tre zorgan trakton. *Duro* nek estas monunuo, nek arĝenta. *Alkado* (pli ĝusta formo estus *alkaldo*) havas la oficon, ne de juĝisto, sed de urbestro. *Manĉo* devus esti *La-Manĉo,* kaj *Kordileroj,* se io, *La-Kordilero.* En la hispana lingvo, de kiu derivas *gerilo,* ĝi havas la signifon, ne de partizanmilito, sed de grupo da gerilanoj. Kaj mi vetas, ke nia klera amiko, prof. Juan Régulo Pérez, ne sentas sin tre feliĉa rilate la difinon de *hidalgo.*

Inter la muzikiloj mi ŝatus vidi la tiel popularajn en la ibera Ameriko "marakojn", kaj mi cedus ilin kontraŭ *restrikti*, kies signifo ŝajnas al mi identa al re-strikt-igi.

Malgraŭ sia kompleksa diverso de litertipoj kaj vinjetoj, la libro estas elstara ekzemplo de kompetento kaj sindono ĉe la flanko de la kompostistoj kaj reviziintoj de presprovaĵoj. La sola iom grava eraro, kiun mi elfiŝis el la 1344 dense kompostitaj paĝoj estas la kapvorto *speculacio* (paĝo 1019). Apenaŭ gravaj: *profundigi* anstataŭ profundiĝi (paĝo 872, 2.ª kolumno, 5.ª linio) kaj loĝado anstataŭ loĝado (paĝo 555, 2.ª kolumno, 5.ª linio).

Kiel vidite, mia listo de efektivaj eraroj kaj preteratentoj limiĝas al ridinda rikolto, kompare kun la giganta, kompleksa, muela tasko, kiun postulis la pretigado de la vortaro. Certe ekzistas ankoraŭ pli da tiaj korektindaĵoj. Sed ĝia elmontro ŝajnus et-anima ĉikanado antaŭ la imponaj atingoj, kiujn la fervora amo al nia lingvo, la laborkapablo kaj la supera intelekto de prof. G. Waringhien, ĉe la fronto de elitaj esperantistoj, enkorpiĝis en la Plenan Ilustritan por la bono kaj la prospera futuro de nia idealo.

Esperanto, per PIV, paŝas en epokfaran stadion. Kaj, ĉar oni devas ĉiam vivi kun la rigardo antaŭen, PIV estu la kerno de ankoraŭ pli ambicia faro: la kompilo kaj eldono de plur-voluma ĉiufaka enciklopedio inde komparebla kun la plej prestiĝaj enciklopedioj naciaj. De prof. Waringhien, al kiu Esperanto tiom multe ŝuldas, kaj de lia grupo de eminentaj kunlaborintoj ni ĉerpu la inspiron!

F. de Diego

*Disko*. Originala novelaro de Johan Hammond Rosbach. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 112 paĝoj, 14,5 x 21 cm. Broŝurita. Prezo:

Ĉi tiu lasta libro de la konata norvega aŭtoro J. H. Rosbasch konsistas en serio da originalaj rakontoj kun apartaj intrigoj, kvankam ĉiuj havas komunan originon: la trovon de malnova letero en tirkesto de kaduka, ne plu servanta ŝipo, kiun oni volas utiligi ankoraŭ kiel surbordan hotelon kun nokta restoracio.

La aventurojn de la personoj en la novelaro oni sekvas kun milda intereso, kaj ĉefe tiras nian atenton la kleptomania pastro kaj la unuokula kolonelo.

La libro legiĝas kun plaĉo kaj provizas bonvenan distron por horoj feriaj aŭ dimanĉaj. La lingvo estas senrezerve rekomendinda, tiel por novaj, kiel por malnovaj esperantistoj.

F. de Diego

*Kongresa libro de la 55.ª Universala Kongreso de Esperanto. Vieno.* Eldonis U.E.A. Paĝoj 160, 14'5 x 20'5 cm. Prezo:

Kvankam teniĝas al la tradicia enhavo de la kongreslibroj: salutoj de eminentuloj (esperantistaj kaj ne esperantistaj), historia skizo de la kongresaj lando kaj urbo, frazaro dulingva, informoj de praktika valoro, prezento de la lokaj komitatanoj, oficiala programo, listo kun nomoj kaj adresoj de la kongresanoj, ktp., la libro, pro sia aranĝo kaj zorga kompostado signas paŝon de progreso kompare kun kongreslibroj de lastaj jaroj. Tiu tendenco daŭru!

F. de Diego

*Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj kaj Statuto de la Internacia Kortumo.* Eldono de U.E.A. Traduko de Ralph Harry, Ivo Lapenna kaj Eskil Svane. Paĝoj 93, 7'5 x 11 cm. Prezo:

La broŝuro aperas sub aŭspicio de la Internacia Asocio de Juristoj kaj kiel numero 1.ª de la serio Dokumentoj de Internacia Kunlaboro.

Sendube la Ĉarto estas tre interesa, precipe ĉe juristoj, kvankam ni, laikoj, ĉirkaŭrigardinte la nunan staton de la mondo kaj ties malmulte flatan perspektivon, ne povas ne vidi kiel kruelan ironion la epiteton *unuiĝintaj* nacioj.

La nomoj de la tradukintoj garantias konsciencan lingvan prilaboradon kaj efektive la Ĉarto povus figuri kiel modelo de oficiala aŭ burokrata lingvo en Esperanto. Tamen, almenaŭ du vortoj: *prejudica* kaj *kompulsa* ne aperas eĉ en la ĵus bakita Plena Ilustrita Vortaro.

Resume, la broŝuro, per kiu debutas Dokumentoj de Internacia Kunlaboro, estas trafe elektita kaj zorge redonita en nian lingvon.

F. de Diego

# MEMORIA DE LA LABOR REALIZADA EN EL PERIODO 1 DE JULIO DE 1969 A 30 DE JUNIO DE 1970

Una vez más, como en cada uno de los congresos nacionales que celebramos, la Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto presenta a la consideración de ustedes la labor realizada durante el período transcurrido desde la última reunión nacional.

En esta ocasión, se ha producido una especial variante, la Memoria no será leída por quien últimamente de forma clara, sistemática y precisa sabía dar conocimiento de esas múltiples actividades que nuestra Federación tiene encomendadas. En la mente de todos, sin lugar a dudas, se alberga el recuerdo y el nombre de Fraulino I. Gastón, la cual de manera eficaz y sacrificada, supo manejar las sensibles y difíciles riendas de la secretaría de H.E.F.

El cambio que se ha producido en la "Estraro", no ha de ser causa de una paralización de esa gama de actividades que día tras día se ha de llevar a cabo sin interrupción, ni descanso por el logro de unas lógicas y justas ambiciones esperantistas. Sin embargo, se ha de resaltar que, el traslado de sede que ha experimentado la Federación, sino ha motivado una detención en su seguro caminar, si ha supuesto un ligero, pero pasajero obstáculo, en el ritmo acelerado que seguía en el desarrollo y expansión de su labor y misión.

Por cuanto que, por acuerdo de la Asamblea General que tuvo lugar durante el XXIX Congreso Español de Esperanto, celebrado en La Laguna, la sede oficial de la Federación Española de Esperanto había de trasladarse a Madrid y que por aprobación unánime de la Junta los servicios: "Boletín", Libro-Servo y Eldona-Fako debían de permanecer en Zaragoza bajo la dirección de Fino. Inés Gastón, el día 3 de enero del presente año, se formalizó el cambio de sede, por lo que se iniciaba así, una nueva etapa en la vida de la Federación, que todos, muy en particular su Junta Directiva espera que tenga unos resultados muy fructíferos en ara de un mejoramiento de las relaciones internas y externas y de una difusión más intensiva de los ideales que proclama el Esperanto. Una nueva etapa, en la que se pretende mejorar lo que la anterior directiva llegó a culminar; no desconociendo de antemano, la gran dificultad que supondrá, debido a los grandes éxitos que alcanzaron en diversos cometidos, nuestros admirados predecesores.

El establecimiento en Madrid de la sede oficial de la Federación, ha de exigir un mayor esfuerzo económico, que lamentablemente no puede cubrirse con los medios propios de que se dispone. Hemos entendido, que en la capital es necesario poseer un marco apropiado, donde se ubique la oficina central que dirija el mecanismo de nuestro movimiento. Allí, son múltiples las relaciones que deben mantenerse con las instituciones oficiales y privadas. Por tales razones, una de las primeras realizaciones que llevó a cabo la nueva junta directiva, fue el solicitar apoyo de la Administración Estatal.

En los primeros días del mes de marzo, se envió al Ministerio de Educación y Ciencia, una petición de ayuda económica para poder establecer una secretaría permanente, dicha petición se acompañaba de la memoria de actividades y de un estado de necesidades de la Federación. Tal solicitud se ha visto atendida y se ha aprobado por el citado Ministerio la concesión de una ayuda de 100.000 pesetas. Cantidad, que en la actualidad, aún no se ha hecho efectiva dado los trámites pertinentes.

Sin embargo, esta cifra no puede bastar, cuando se tiene unas pretensiones ambiciosas de dotar a nuestra sociedad, de un local que se ajuste a su rango y posibilidades. Por esto, la Junta Directiva en su reunión ordinaria de 28 de febrero, acordó crear un fondo para la adquisición de local en propiedad, con aportaciones voluntarias de esperantistas y simpatizantes. A 1 de julio, se habían aportado a este fin la cantidad de 26.500 pesetas.

Si la labor de la Directiva se hubiera de analizar o medir por los párrafos precedentes, se consideraría que únicamente parece sentir preocupación por

el sentido económico o financiero. Pero esto está muy lejos de la realidad. Con ánimo de plantearse un programa de trabajo para los próximos cuatro años, período de su misión, el Sr. Presidente dirigió con fecha 10 de febrero, un escrito a todos los grupos integrados en esta Federación solicitando: primero información en cuanto a sus necesidades y actividades, y en segundo lugar el envío de sugerencias, para que tal programa pudiese concretarse con la colaboración de todos. Pero lamentablemente, las respuestas han sido muy escasas y salvo dos grupos, no se han manifestado respecto a lo que se les pedía.

El pasado mes de junio, nuestro Presidente, se desplazó a Alicante donde sostuvo conversaciones con un grupo de esperantistas de dicha ciudad, con objeto de concretar la posible candidatura de la bella localidad levantina para la celebración del XXXI Congreso Español de Esperanto; resultado final que se determinará por la Junta General.

A continuación, voy a detallar las actividades que han desarrollado las distintas secciones y servicios de la Federación.

BOLETIN: Ha seguido publicándose con la acostumbrada regularidad. Siendo verdadero portavoz de la vida de nuestra sociedad.

TESORERIA: En el número de Enero-Febrero de Boletín, la anterior tesorera, Srta. María Pilar Gómez, presentó el estado de cuentas y balance. Es de resaltar que, por acuerdo de la Junta General reunida en el XXIX Congreso Español de Esperanto celebrado en La Laguna, las cotizaciones que rigen en la actualidad son: Socios protectores, 300 pesetas; socios abonados, 150 pesetas; socios numerarios, 75 pesetas. Numerosas personas envían al tesorero, todavía, las cuotas anteriores, con lo que se dificulta la labor de la tesorería, causa, juntamente con el traslado a Madrid que ha planteado diferentes problemas, de que el tesorero no haya podido hacer los debidos acuses de recibo de las cotizaciones, por lo que pide las oportunas disculpas. Un próximo número de "Boletín" se enviará contra reembolso de las cuotas a aquellos que todavía no las hayan satisfecho. Por otra parte, agradezco a todos quienes lo hicieron directamente y en los primeros meses del año, su alta colaboración, significando que el aumento del importe de las cuotas obedece a necesidades imperiosas, sumamente justificadas para la buena marcha de la Asociación.

SECCIONES DE H.E.F.

FERVOJISTA SEKCIO: Esta sección de H.E.F. ha mantenido un año más, una activa labor en favor de la intensificación del aprendizaje del Esperanto en los medios ferroviarios nacionales. De esta forma, ha solicitado que, en la Revista "Vía Libre" de RENFE se publique periódicamente una página esperantista. También, lleva a cabo gestiones para que se premie económicamente, aquellos funcionarios que hablen Esperanto. Con este logro sería muy grande el número de empleados ferroviarios que se interesarían por el estudio de la lengua universal. Al 22-a Internacia Fervojista Esperantista Kongreso, celebrado en la ciudad italiana de Rimini del 16 al 22 de mayo, asistió una nutrida representación de H.E.F.A.

HISPANA ESPERANTO AURORO: Se ha seguido impartiendo los cursos por correspondencia y se consiguió que en el colegio de la "Inmaculada Concepción", de la Organización Nacional de Ciegos, se explique con carácter oficial un curso en Esperanto.

JUNULARA SEKCIO: Esta sección ha continuado publicando regularmente su Boletín "HEJS".

TURISMA FAKO: Ha de reconocerse la intensa actividad que desarrolló esta sección. La II-a Franca-Hispana Esperanto Renkontiĝo recientemente celebrada en Jaca (Huesca), ha sido organizada por ella en unión del Grupo Esperantista de Zaragoza "Frateco". Igualmente ha organizado una expedición al